E N H A V O

ESTRARO DE UEA PREZENTIĜAS

vendredon, la 4-an de aŭgusto

Plena salono de 120 personoj atestis la interesiĝon inter la kongresanoj pri la laboro de UEA. La 8 estraranoj de la Asocio respondis al demandoj starigitaj unuavice de la prezidanto, d-ro H. Tonkin, kaj poste al demandoj ĉerpitaj el la skatoloj metitaj en la kongresejo por ebligi al kongresanoj starigi demandojn rekte al la estraro. Kaj plej diversaj estis tiuj demandoj. Ili gamis de la plej specifaj ("Kial ne aperis sur la scenejo en la kongresejo portreton de d-ro Zamenhof ?") ĝis la absolute vastaj ("Kiel ni povas plej efike atingi la disvastigon de Esperanto ?").

Partoprenis aktive ĉiuj estraranoj, mag. William Auld pri kulturaj demandoj, prof. C. Støp-Bowitz pri faka agado, s-ro A. Pettyn pri edukado kaj la kongresa temo en la nuna UK, s-ino U. Grattapaglia pri landa agado, s-ino F. Szabo-Felsö pri kongresoj kaj turismo, s-ro G. Maertens pri financoj kaj d-ro W. Bormann pri administraj kaj ĝeneralaj demandoj.

Krom kelkaj demandoj pri la pli vasta eldonado de libroj tra normalaj libromerkatoj, la starigo de mezgrada internacia ekzameno kaj de kursoj por administraj gvidantoj, la plimulto el la demandoj koncernis kongresojn kaj aparte la nunan UK. Oni anoncis la intencon pli frue fiksi kaj pretigi la kongresan temon.

Fermonte la kunsidon, la prezidanto de UEA dankis la partoprenintojn kaj direktis apartajn dankojn al la demandintoj, komentante, ke sugestoj kaj proponoj pri la agado de UEA estas bonvenaj de la membraro dum la tuta jaro.

TEJO-DEBATO

vendredon, la 4-an de aŭgusto

Artformo tute nova al la Universala Kongreso enkondukis TEJO per sia formala debato pri la propozicio "ke la evoluigo de la Esperanto-kulturo estas la ĉefa faktoro en la evoluigo de Esperanto". La pozitiva teamo ( estro Paul Peeraerts, Belgio; Cristina de Giorgi, Italujo; Bruĉjo Kasini, Italujo) akcentis ke la kulturo estas la bazo je kiu dependas ĉiuj disvastigaj provoj por la lingvo. Kontraŭe la negativa teamo (estro Jim Cushing, Usono; Stefan MacGill, Nederlando; Michela Lipari, Italujo - ne ĉeestis) postulis, ke sistema organizado kaj informado plej gravas por la plua disvastigo de Esperanto.

Aparte imponis la trafaj postdebataj intervenoj de la publiko. Junaj kaj ne-junaj vidpunktoj esprimiĝis en valora kaj sprita diskuto. Evidentis, ke la temo tuŝis la interesiĝon de la aŭdantaro.

F A K A J   K U N S I D O J

Skolta Esperanto-Ligo

/vendredon, la 4an de aŭgusto/

La kunveno ne okazis.

Sporto, preparo por la Olimpikoj

/vendredon, la 4an de aŭgusto/

El la paroladoj montriĝis, ke estas sufiĉe malfacile starigi kontaktojn kun la sportaj organizoj kaj eĉ pli malfacile estas konvinki ilin pri la neceso enkonduki la lingvon. D-ro Tonkin diris ke li pretas esplori ĉu la gazetara servo de UEA povus helpi dum la Olimpikoj.

Loka kongresa komitato Luzern

/ĵaŭdon, la 3an de aŭgusto/

La loka kongresa komitato de la venonta UK en Lucerno prezentis al la nunaj kongresanoj tri filmoj pri sia hejmlando.
La 1-a temis pri Lucerno mem, la 2a montris impresojn pri la monto Pilatus al kiu la duontaga ekskurso celos dum la kongresa semajno, kaj la 3a donis al ni ideon pri la suda parto de Svislando. Dum la 64a kongreso estas i.a. antaŭvidita tuttaga ekskurso al Lugano.

Diskutgrupoj pri la kongresa temo

/ĵaŭdon, la 3an de aŭgusto/

Pri la kongresa temo "Internacia lingvo - Internacia edukado" denove okazis aro da diskutgrupoj. Unu inter ili titoliĝis "Novaj parolontoj de Esperanto". Ĉeestis ĉ. 60 personoj el kiuj ĉ. 10 partoprenis en la diskutoj. En siaj parolvicoj, ili i.a. instigis la jenon :

- komence de la kurso oni sufiĉe informu pri la movado kaj pri Esperanto
- oni zorgu pri la kursfinintoj aranĝante por ili bonvenigan vesperon en loka klubo en kiu oni enmanigu atestojn al ili kaj feste prezentu ilin al la klubanoj.
- en kluboj oni parolu ĉiam Esperanton, sed kun novuloj klare kaj kuraĝige. Oni donu al novuloj konvenajn taskojn, por ke ili sentu sin utilaj.
- apartaj klubvesperoj por novuloj kaj flue parolantaj anoj, sed iam kaj tiam oni aranĝu komunajn vesperojn. Bona klub-vespero enhavas programon, ekz. prelegon, rakontadon kun diapozitivoj aŭ sonmaterialo. Oni klopodu aranĝi klubvesperojn tiel, ke ili diferencu de kursvespero, ke en la klubo oni havu pli festan ĉeestadon. Oni turnu sin ankaŭ eksteren aranĝante kunvenojn kun neesperantistoj. Ekskursaj gastoj kaj gastprelegantoj estas bonvenaj kaj instigaj.
- indus sondi la motivojn de la kursanoj: sufiĉe grava celo, ekz. vojaĝo al UK, helpas, ke la partoprenantoj pli firme ligiĝu al la studado kaj al la movado.

Alia diskutgrupo pritraktis la temon "Esperanto kaj la pli aĝoj personoj." Ekster la skriba raporto la diskutgrupo deziras prezenti jenon en la publika kunveno:

- Ni protestas kontraŭ la esprimo "tempo-pasigilo", kiam oni parolas pri Esperanto por pli aĝaj personoj.
- La grupo petas la estraron studi ĉiun eblecon favori pensiulojn-esperantistojn per pli malaltaj kotizoj a/ por Universalaj Kongresoj b/ rilate jarkotizojn de UEA.

Ĉeestis 45 personoj, kiuj decidis fari enketon pri rabatitaj vojaĝoj por pensiuloj per trajnoj, ŝipoj kaj aviadiloj en kaj kunlige de landoj en la movado.

Komisiono por virina agado

Victor Sadler prezidis podian diskuton pri "La Verkanta Virino" inter Ada Fighiera, redaktorino de "Heroldo", Emilija Lapenna, redaktorino de Esperanto-fako de Radio Zagreb, recenzistino kaj verkistino, kaj Marjorie Boulton, verkistino en Esperanto kaj en la angla lingvo.

La partoprenantoj diskutis interalie pri la problemoj, kiujn renkontas verkantaj virinoj, pri la sociaj kondiĉoj en diversaj landoj kaj ilia influo al virina kleriĝo kaj progreso en verkado kaj ĵurnalismo. En la Esperanto-movado ĝenerale oni konstatis neniun signifan antaŭjuĝon aŭ diskriminacion kontraŭ virina verkado, sed ekster la movado regas fortaj antaŭjuĝoj, precipe en tiuj landoj, kie la komerca reklamado asignas al la virinoj aliajn rolojn stereotipajn. En la socialismaj landoj virinoj ne renkontas apartajn problemojn en verkado kaj okupas almenaŭ tiel gravan pozicion kiel viroj en la literaturo kaj ekzemple en ĵurnalismo. La diskutintoj opiniis, ke krom jura egaleco necesas ankaŭ edukado por ŝanĝi la restantajn antaŭjuĝojn pri verkistinoj.

Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio

vendredon, la 4an de aŭgusto

Prelegis la prezidanto de IPTEA, Draguŝko Petrov, pri la agado kaj Veiko Mäkiluopa el Finnlando pri la progreso teĥnika en la telekomunikado. Dum la sama kunveno nova estraro de IPTEA estis elektita.

Internacia Asocio de Esperantistaj Matematikistoj

/dua kunveno/

vendredon, la 4an de aŭgusto

Prezentante konkretan terminologian problemon, el aro-teorio, Gerard Cool enkondukis diskuton pri la celoj de nia terminologia agado kaj la agadmanieroj al tiuj celoj : kian terminaron eldoni ? kiel kunordigi la diskutadon pri taŭgeco de terminoj ? Laŭ kiuj kriterioj oni decidu pri taŭgeco de terminoj ? Tiun liberan diskuton ne sekvis formalaj decidoj. Ĉe la fino de la kunveno, prof. Frank /D/ raportis pri la nuna stato de la Esperantigo de la matematika terminaro de Meschkowski.

Eŭropa Esperanto-Unio

vendredon, la 4an de aŭgusto

La agdo ĉe la Eŭropaj instancoj bone progresas far la Eŭropa Esperanto-Centro, la sekretariejo de la unio. Ĉiuj Eŭropaj parlamentanoj ricevas nuntempe en sia nacia lingvo la verkon de D-ro W. Bormann pri la lingvoproblemo en la komunumaro. Sekvos la traduko en la ses lingvoj de la Esperanto-dokumento kiu en la franca serio aperis sub n-ro 1.

KONGRESA ĈEFTEMO: INTERNACIA LINGVO – INTERNACIA EDUKADO

Diskutgrupo n-ro 7: ESPERANTO KAJ PLI AĜAJ PERSONOJ

La rubrikoj, prezentitaj ĉi sube, estas konformaj al la proponoj en artikolo de Redaktoro Andrzej Pettyn, estrarano pri edukado. Vidu Revuon Esperanto n-ro 5/1978, paĝoj 92 kaj 93. - La demandoj numeritaj servos por ekfunkcigi la diskutadon en la grupo. Grupgvidanto: Lennart Åberg, Gotenburgo, Svedio, kongresa n-ro 994.

A. Esperanto kiel agrabla kaj utila "tempo-pasigilo".

1. Ĉu ni rigardu Esperanton kiel "tempo-pasigilon"?
2. Ĉu pensiulo nepre estu homo "ekster la pulsanta vivo"?
3. Kion pozitivan povas doni Esperanto al pliaĝuloj?

B. Psikologiaj aspektoj

1. Ĉu pli aĝaj personoj kapablas lerni novan lingvon?
2. Kiel ni povu rekompensi, kion pensiuloj perdis ne havante eblecon studi fremdajn lingvojn en la lernejaj jaroj?
3. Kiel ŝanĝi eventualan pesimismon je optimismo inter pliaĝuloj?

C. Kion pensiuloj ne faras sed povus fari por la Movado, konsidere al la libera tempo, pri kiu ili disponas?

1. Ĉu la Movado prezentas konkretajn taskojn al la jam multjaraj esperantistoj-pensiuloj?
2. Kian praktikan kaj utilan laboron povas tiuj pensiuloj (multaj en la Movado) fari a) en lokaj societoj b) en la landaj asocioj?
3. Ĉu jam spertaj esperantistoj-instruistoj (kursgvidantoj) povas agadi por allogi pli aĝajn personojn lerni Esperanton?

Ĉ. Kion la Movado povus doni al pensiuloj ene de la Movado kaj ekster ĝi?

1. Ĉu nia Movado estas preta doni faciligojn al nunaj kaj novaj esperantistoj-pensiuloj? Kion vi opinias?
2. Ĉu la Movado ekonomie povas elteni malaltigon de membrokotizoj por pensiuloj, ekzemple je sama nivelo kiel tiu de gejunuloj?
3. Kial ne favorigi pensiulojn, malnovajn kaj tute novajn esperantistojn per malaltaj kotizoj por ebligi (plifaciligi) aliĝon al la ĉiujaraj U.K?

D. Viaj sugestoj por la laborformoj kaj iniciatoj en la medioj de pensiuloj?

1. Ĉu pensiuloj en via lando havas proprajn organizaĵojn (kulturajn, pli malpli sindikatajn kaj aliajn) kie ni esperantistoj povus agadi: informi, prelegi, starigi kursojn, studrondojn?
2. Kiel oni motivigu pli aĝajn personojn lerni Esperanton?
3. Ĉu vi opinias, ke pensiuloj povus ŝati kaj utiligi la eblecojn per Esperanto malfermi translimajn kontaktojn kun samaĝuloj-pensiuloj (korespondado, intervizitoj, organizita interŝanĝado de informoj pri la kondiĉoj de pensiuloj kaj pri la funkcio de iliaj organizaĵoj, presorganoj ktp)?

E. Kiel instrui Esperanton al pli aĝaj homoj?

1. Kion vi opinias pri la ebleco starigi instruadon de Esperanto inter pensiuloj en via urbo/loĝloko?
2. Kian metodon vi rekomendus? Ĉu rektmetodan? Kutiman lernolibran?
3. Preferindaj certe estus kursoj, kiuj povus okazi dum tagaj horoj (ne vesperkursoj), ĉu ne? Kion vi opinias?

Diskutgrupo: Esperanto - instruaj perspektivoj kaj problemoj en Afriko

Sub la prezido de Eugene Raveloson, Ĝenerala Sekretario de ILEI-sekcio en Madagaskaro, partoprenis 9 personoj el 7 landoj.

Post iom da diskuto la jenaj rekomendoj estis akceptitaj:
1 - Ke UEA kaj ILEI petu al Unesko, ke tiu lasta rekomendu al ĉiuj ŝtatajmembroj solvi la analfabetecon en Afriko ankaŭ per Esperanto.
2 - Ke UEA kaj ILEI paralele pretigu instrumaterialon.
3 - Ke UEA kaj ILEI dediĉu grandan atenton rilate al la informado.
4 - Ke UEA starigu afrikan oficejon ie en Afriko sub la kontrolo de la CO en Roterdamo.
5 - Ke UEA dediĉu en la revuo Esperanto apartan paĝon por la diversaj in formoj rilate al la Esperanto-Agado en Afriko kaj al la evoluiĝo de planitaj laboroj.
6 - Ke UEA decidu ke gvidanto de Afriko estu mem el tiu kontinento, ĉar nur Afrikano plej bone konas la tieajn problemojn.

HIPNOTA "HIPNOTO"

vendredon, la 4-an de aŭgusto

Antaŭ ĉirkaŭ 500 spektantoj prezentiĝis Pola Esperanto-Teatro per prezentaĵo "Hipnoto" de A. Cwojdzinkski.

Post la bulgarmedia prezentaĵo "La Megero" kiun la publiko vidis ludata per tradicia teatra esprimo, la spektantoj ankaŭ ŝatis vigle ludatan kaj in ternacie kompreneblan nuntempan tekston kiu ne bezonis abundajn teatrajn esprimilojn sed des pli postulis subliman aktoradon kiun la aktoroj brile legis. La "Hipnoto" estis konsiderinda kontribuo al la ĉi-jara kongresa programo kaj al nia teatra kulturo ĝenerale.

LA LASTA PUPTEATRAĴO

vendredon, la 4-an de aŭgusto

Pupteatro de Varna ree prezentiĝis al la kongresanaro, ĉi-foje per alispeca prezentaĵo el sia repetuaro. Estis prezentita "La Ora Birdo" de Maksim Asenov, reĝisorata de Zlati Zlatev, kun scenografio de Ivan Conev kaj muziko de Georgi Zanev.

Temis pri satira poeziaĵo prezentita en tekniko de "surfacaj pupoj" kun forta tradicia bulgara akcento en scenografio. Kongresanoj, verŝajne elĉerpitaj per riĉo de la semajna programo tute modestnombre vizitis la pupteatrejon.

-- -- -- -- -- -- -- -- -- -- -- --

Eldonas la Gazetara Servo de la 63a UK - Esperanto-redakcio
Respondeca redaktoro: Paul Peeraerts